# BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo
psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Junho n-ro 6/2009

## FORPASIS LA NEANSTATAŬEBLA SYLLA CHAVES

Foto: Paulo Viana

La brazila Esperantomovado profunde funebras. Je la lasta 30-a de majo forpasis unu el niaj eminentuloj, lasante ne facile esprimeblan senton de malpleno. Ni apenaŭ povus trafe vortigi nian perdon: Sylla Chaves estis nemalhavebla homo, kiu okupis absolute unikan lokon inter ni. Li naskiĝis en 1929 en Rio Grande do Sul kaj surprize mortis en Rio; inter la homoj, al kiuj li parolis en lasta tago de sia vivo estis pluraj Esperantistoj – certe dum la plej granda parto de sia vivtempo li okupiĝis pri Esperanto. Kaj li okupiĝis pri nia afero ĉiam en alta nivelo.

Kiel poeto, Sylla elstaris: li venkis Belartajn Konkursojn, publikigis altnivelajn poemarojn, produktis didaktikajn versojn kaj belegajn kanzonojn kaj eminente tradukis poezion. Multaj liaj legantoj ofte komentis, ke foje liaj tradukaj versioj superis la originalojn... Lia traduko de la konata poemo “Jozefo”, de Carlos Drummond de Andrade, aperis en la Nova Esperanta Krestomatio, organizita de W. Auld (eld. UEA 1991). Lastatempe, li publikigis antologion de brazila poezio, kun reprezentantoj de ĉiuj brazilaj ŝtatoj, tradukitaj de pluraj samideanoj; rezultis grandioza volumo, kies beleco parte ŝuldiĝas al la “tuŝoj”, kiujn li faris por plibonigi la tradukojn.

Kiel didaktikisto, li produktis plurajn metodojn de Esperanto (inter kiuj famiĝis lia “Aŭdu kaj Lernu”), kanzondiskojn, didaktikajn videolecionojn por televido (“Gutoj de Esperanto”), legolibrojn, morfemarojn, koncizan gramatikon (“Esperanto num Relance”). Lastatempe, li intense sin dediĉis al verkado de vortaroj. En 2008 aperis lia bonega “Oportuna Poŝvortaro Esperanta-Portugala”; kiam li mortis, li jam havis 21000 artikolojn pretajn por la Portugala-Esperanta versio. Kiu kompletigos tian valoregan materialon? Kiel movadano li okupis interalie la postenojn de Prezidanto de Brazila Esperanto-Ligo, Honora Membro de Universala Esperanto-Asocio kaj membro de la Akademio de Esperanto. Lastatempe li kunlaboris kun la Akademio por oficialigo de vortoj. Li ricevis la Premion Onisaburo Deguĉi.

Kiel profesiulo li deĵoris ĉe Unesko, Unuiĝintaj Nacioj kaj profesoris ĉe pluraj altnivelaj institucioj, inkluzive de Fondaĵo Getúlio Vargas kaj Brazila Lernejo de Publika Administrado. Li estis fakulo pri administrado, internacia juro, publikaj rilatoj. Krom la portugala lingvo kaj Esperanto, li parolis la anglan, francan kaj hispanan lingvojn, kaj iom sciis la araban kaj rusan. Antaŭ kelkaj jaroj li ellaboris metodon por alfabetigo en la portugala.

Kiel Esperantolingvisto, li pledadis por simpla, facila uzado de nia lingvo. Li ne sisteme rifuzis neologismojn, sed stimuladis la fundamentan Zamenhofan manieron. Liaj tekstoj en facila lingvaĵo (“Unu tago en la vivo de Teodoro”, “Libera ekflugo” kaj aliaj) kaj lia “Bildvortaro” fariĝis veraj modeloj en sia speco.

Ni ja perdis nemalhaveblan samideanon. Dankon, Sylla!

## FALECEU O INSUBSTITUÍVEL SYLLA CHAVES

O movimento esperantista está de luto. Faleceu em 23 de maio último um de nosso mais destacados ativistas. Sylla Chaves, nascido no Rio Grande do Sul, em 1929, foi dos mais importantes Esperantistas de nossa terra.

Como poeta, venceu várias vezes os concursos de literatura da Associação Universal de Esperanto, publicou livros, traduziu canções e muita poesia. Seus leitores muitas vezes se surpreendiam com a beleza de suas traduções, que chegavam a superar os originais. Sua versão do famoso poema “José”, de Carlos Drummond de Andrade, faz parte da “Nova Esperanta Krestomatio” (UEA, 1991). Recentemente, publicou em Esperanto alentada coletânea de poesia , com representantes de todos os estados brasileiros.

Como pedagogo, produziu métodos de Esperanto (entre os quais teve grande sucesso o “Aŭdu kaj Lernu!”), discos de música, DVDs com “Gotas de Esperanto”, livros de leitura, uma valiosa gramática “Esperanto num Relance”. Ultimamente, dedicava-se intensamente aos dicionários. Em 2008, publicou o excelente “Oportuna Poŝvortaro Esperanta-Portugala”; quando faleceu, tinha já 21000 verbetes prontos para a versão Português-Esperanto.

Foi Presidente da Liga Brasileira de Esperanto, membro honorário da Associação Universal de Esperanto e da Academia de Esperanto. Recebeu o Pêmio Onisaburo Deguĉi, por sua ação pela paz.

Especialista em administração, direito internacional e relações públicas, trabalhou na Escola Brasileira de Administração Pública, Fundação Getúlio Vargas, UNESCO e ONU. Além de Português e Esperanto, falava Francês, Inglês e Espanhol, e conhecia um pouco o Árabe e o Russo.

Defendia o uso do Esperanto de forma simples e fácil, com demonstrou em seus livros de leitura.

Foi, sobretudo, uma grande figura humana. Obrigado, Sylla!

**76-a Renkonto de Esperanto en la Paraiba Valo**
**21/06/2009 en Barra Mansa/RJ**
Pliaj informoj per: *esperanto.neeg@hotmail.com*

**76º Encontro de Esperanto no Vale do Paraíba - 21/06/2009**
*esperanto.neeg@hotmail.com*

BEL informas

Brazila Esperanto-Ligo

psviana@terra.com.br

Redaktas: Paulo Sergio Viana, Junho n-ro 6/2009

## TÚLIO FLORES PETAS KUNLABORON

La kompetenta Esperantisto el Minas Gerais, Túlio Flores, proponas al ĉiuj samlingvanoj (verŝajne ankaŭ el aliaj portugallingvaj landoj) gravan inviton. Atentu pri lia mesaĝo: *"Karaj, Mi faras vortaron Portugalan-Esperantan kaj Esperantan-Portugalan (http://vortaro.brazilo.org/vtf/). Ĝi celas esti la plej ampleksa vortaro de la Portugala lingvo al Esperanto. Tio estas malfacile farebla de nur unu homo. Tial mi bezonas vian helpon por konkretigi ĝin.Viajn opiniojn, kontribuojn, kritikojn sendu private al mi ( tulio.flores@uol.com.br ), aŭ al la grupo (lk-vortaristoj@googlegroups.com), se ili povas esti profiteblaj de ĉiuj. Amike, Tulio".* La ĵus forpasinta Sylla Chaves, kiu mem multe okupiĝis pri vortaroj, ofte laŭdis la seriozan, kompetentan laboron de Túlio Flores. Ĝi meritas ĉies atenton kaj helpon.

## ESPERANTO ĈE UNIVERSITATO, EN CAMPINAS / SP

La Fakultato de Beletro de la grava katolika universitato PUC, en la urbo Campinas/SP, okazigis prelegon pri Esperanto je la 20-a de majo 2009. Matene, kun la titolo "Naturaj kaj artefaritaj lingvoj – Esperanto", okazis debato kun Prof-o David Bianchini, konata Esperantoaktivulo el la loka Kultura Centro Esperantista, kaj Prof-oj pri Lingvistiko Jauranice R. Cavalcanti kaj Maria F. Amarante. Vespere, Prof-oj David Bianchini, Cláudia H. Rocha kaj Maria Inês G. Lucena denove prezentis la temon, kun partopreno de studentoj.
Gratulon al Prof-o Bianchini pro la gravega iniciato. Antaŭ nelonge simila evento okazis ĉe la Filozofia Fakultato, en Lorena/SP (legu en la pasinta numero de "BEL informas"). Ĉu jen montriĝas fruktodona agadkampo en urboj kie ekzistas superaj kursoj?

## SUKCESA, JAM TRADICIA EVENTO EN SAN-PAŬLO

Ĉirkau 50 homoj ĉeestis la 21-an Renkontiĝon de Esperanto de la Urbo San-Paŭlo (ERUSP), la 31-an de majo en la sidejo de USE-Santana. La evento, organizita de Esperanto-Asocio de San-Paŭlo (EASP), komenciĝis je la 14h per kvizo-omaĝo al la eminenta , okdekjara esperantisto Prof-ro Sylla Chaves, forpasinta la antaŭan tagon, en Rio. Poste, Guilherme Jardim, el la urbo Charqueada/SP, prezentis prelegon pri kiel flue paroli Esperanton, subaze de plej modernaj sciencaj eltrovoj rilatantaj al pedagogio por instruado de fremdaj lingvoj. Kiel atendate, ĉion novan la publiko emas akcepti iom singardeme. Tio okazis rilate al la teorio pri "periodo de silento" kiu, laŭ la preleganto, povas daŭri monatojn, dum kiu la lernantoj estas instigataj nenion paroli, sed nur aŭskulti la lernatan lingvon. La temo multe instigis la ĉeestantojn al demandoj. James Piton estis la vica preleganto, kiu prezentis kuriozan kaj interesan dokumentan bildprezenton pri pioniraj esperantistoj, kiuj private diskonigadis Esperanton pere de poŝtkartoj. Matene, la Brazila Sekcio de ILEI proponis laborgrupon pri tradukado sub la gvido de la provizora sekciestro José Roberto Tenório. Partoprenis 18 esperantistoj. Elŝutu: <http://www.easp.org.br/erusp/kvizo.pps>.

*http://miamondo.nafoto.net*

### TÚLIO FLORES PREPARA NOVO DICIONÁRIO

O competente Esperantista de Minas Gerais nos envia mensagem anunciando a preparação de um novo e completo dicionário de Esperanto-Portuguê-Esperanto. Para obra de tamanha envergadura, pede a colaboração de todos os samideanos de língua portuguesa, em forma de opiniões, contribuições e críticas. O recém-falecido Sylla Chaves, que também se ocupava intensamente de dicionários, frequentemente elogiava o sério trabalho de Túlio Flores.

### ESPERANTO NA PUC-CAMPINAS

Na Faculdade de Letras daquela conceituada Universidade, em 20 de maio último, o Prof. David Bianchini, do Centro Cultural Esperantista, apresentou, em dois períodos, palestras e debates sobre o tema:"Línguas naturais e línguas artificiais – o Esperanto". Participaram os Professores Jauranice R. Cavalcanti, Maria F. Amarante, Cláudia H. Rocha e Maria Inês G. Lucena. Os estudantes participaram do debate.

### MAIS UMA "ERUSP": SUCESSO!

Em 31 de maio último, no bairro de Santana, capital de São Paulo, teve lugar mais um Encontro Esperantista da Cidade de São Paulo (ERUSP), com participação de mais de 50 pessoas. O Prof. Sylla Chaves, falecido na véspera, foi homenageado. Houve interessantes palestras de Guilherme Jardim (Charqueada/SP) sobre novos métidos de ensino de idiomas e de James Pitton (Campinas/SP), sobre a divulgação do Esperanto no início do século 20, por meio de cartões postais. Na manhã do evento, a secção brasileira da Liga Internacional de Professores de Esperanto, sob direção de José R. Tenório (São Paulo/SP), organizou uma oficina de tradução, da qual participaram 18 pessoas.

NE FORGESU!
BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO EN JULIO!

NÃO SE ESQUEÇA!
Congresso Brasileiro de Esperanto em julho!